4-a JARO DECEMBRO 1911. 2a NUMERO (38)

# BELGA ESPERANTISTO



MONATA REVUO



*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*


**Redakcio :**
OSCAR VAN SCHOOR
20, VONDELSTRAAT
(20, rue Vondel)
ANTVERPENO

**Administracio :**
FRANS SCHOOFS
45, KLEINE BEERSTRAAT
(45, rue de la Petite Ourse)
ANTVERPENO



**ABONPREZO :**

| | | |
|---|---|---|
| Belglando . . . | Fr. 4.— | (Sm. 1.60) |
| Eksterlando . . | Fr. 5.— | (Sm. 2.—) |
| Unu numero . . | Fr. 0.40 | (Sm. 0.16) |

**Anonco pri korespondado :**

Kun la numero de la revuo en kiu ĝi estas presita . Fr. 0.50 (Sm. 0.20)

**Tarifo de la reklamoj** (Prezo en frankoj)

| | *1 paĝo* | *1/2 paĝo* | *1/4 paĝo* | *1/8 paĝo* | *1/16 paĝo* |
|---|---|---|---|---|---|
| 1 jaro (12 n.) | 90.— | 50.— | 30.— | 18.— | 10.— |
| 1/2 jaro | 50.— | 30.— | 18.— | 10.— | 6.— |
| 1/3 jaro | 40.— | 24.— | 13.— | 8.— | 5.— |
| 1/4 jaro | 30.— | 18.— | 10 — | 6.— | 4.— |
| 1 numero | 15.— | 10.— | 6.— | 4.— | 2.— |

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*


# ESPERANTO EN SPA

La lastaj informoj kiujn ni ricevis el Spa estas tute ĝojigaj por nia belga esperantista movado. Nur tri monatoj forflugis de la momento kiam finiĝis la Sepa Kongreso de Esperanto en Antverpeno kaj granda nombro da personoj jam lernis kaj lernas nian karan lingvon en la pentrinda belga banurbeto Spa, kie antaŭ 4 monatoj nia movado estis kvazaŭ nekonata.

Ni volas en tiu artikoleto fari la historion de tiu esperantiĝado kaj tiamaniere ni ne nur verkas paĝon el la historio de esperanto en Belgujo sed ankaŭ kaj precipe ni montros ekzemplon de propagando, kiu povas esti utilega por ili, kiuj deziras ion fari por esperanta movado en urboj, kie nia lingvo estas ankoraŭ nekonataĵo.

La 30an de Aŭgusto, apenaŭ post la fermiĝo de la Sepa kongreso, kelkaj Samideanoj vizitis la belan urbeton Spa kaj komunikis iom de sia entuziusmo al la loĝantoj de nia plej malnova belga banloko.

Inter la fervoruloj kiuj klopodis por fruktodonigi, laŭ esperantisma vid punktotiun viziton ni citu : Gesinjorojn Moscheles el Londono, Doktoron Allende el Bilbao, Doktoron Kandt el Bromberg sed precipe Sinjorinon D-ron Clara Biske, kiu estis la ĉefa apostolino de Esperanto en Spa.

Dank'al la klopodoj de tiuj malmultnombraj sed entuziasmplenaj samideanoj, jam en la sekvantoj tagoj okazis poresperantoj

paroladoj kaj eĉ S-ino Biske organizis du kursojn pri nia lingvo kaj starigis esperantistan grupon.

La kursoj estis senpagaj kaj pli ol 60 lernantoj sekvis ilin kun granda sukceso. La 3an de Decembro okazis bela festo kune kun la disdonado de premioj al la lernantoj.

La esperanta grupo de Spa organizis la 22an de Oktobro brilegan akcepton por la samideanoj el Aĥeno (Germanujo) kiuj vizitis la urbon.

Dum la kristnaska libertempo oni atendas en Spa la viziton de diverslandaj samideanoj.

Dank'al la klopodoj de S-ino Clara Biske, la muzikaj kaj dramatikaj societoj de la urbo vivigas la festojn de la grupo kaj la Urbestraro apogas la celadon de la Spada esperantistaro.

* * *

Ĉu tio ne estas mirinda rezultato kiun ni ŝuldas al la klopodoj de unu vigla kaj laborema esperantistino? Dum la Sepo ni havis la honoron interkonatiĝi kun nia agema samideanino D-ro Clara Biske kaj en tiuj movad — kaj laborplenaj tagoj estis por la organizintoj de la Sepa tute neeble longdaŭre interparoladi kun ĉiu samideano sed nun ni vidis la rezultatojn kiujn la movado ŝuldas al la nelacebla laborado de nia fervora samideanino.

Kiu diros al ni la penadon kaj la klopodojn du nia entuziasmplena samideanino! Kiu kalkulos la multnombrajn vizitojn kaj interparoladojn kiujn ŝi devis entrepreni por interesigi la Urbestraron, la administracion de la banoj, la komitatojn de la Spadaj societoj kaj la tutan loĝantaron de la urbeto? Kiu rakontos al ni la elreviĝojn kaj la malagrablaĵojn kiujn ŝi eble suferis, la obstinaj baroj kiujn ŝi devis venki antaŭ ol ŝi sukcesis en sia pacema kaj homarama klopodado?

Sed kiel diras la latina parolo: *Labor improbus omnia vincit*, la senlaca laboro venkas ĉion. Ankaŭ tie ĉi same okazis, kaj la historio de la deveno de la esperanta grupo en Spa estas ekzemplo kiu montras al ni la vojon de la obstino kaj de la senlaca laborado.

Mirinda ekzemplo por ĉiuj propagandistoj kiuj intencas enkonduki nian lingvon en ian ajn urbon aŭ urbeton. La angla proverbo estas ĉiam vera: *kie estas volo, tie ankaŭ estas vojo.*

La verecon de tiu aksiomo pruvis S-ino Biske kaj tutkore ni prezentas al ŝi nian profundan dankon kaj niajn plej sincerajn gratulojn.

---

## El la lando kaj urbo de la Oka Kongreso.

Ni havas la plezuron sciigi al niaj gelegantoj ke la artikolojn sub supra nomo ni komencigas en nia proksima numero. Ili estos redaktitaj de S-ro D-ro Leon Rosenstock, el Krakóvo (membro de la Komitato), kiu afable akceptis tiun taskon. Ni certe estos la

interpretantoj de la tuta legantaro de B. E. adresante al nia simpatia samideano Rosenstock niajn antaŭdankojn pro liaj artikoloj, kiuj, ni tutkore deziras, alportos ĉiumonate al ni ĝojigajn novaĵojn pri la organizado de la proksima kongreso.

# La Oficiala Gazeto.

La Novembra numero 1911 de la *Oficiala Gazeto Esperantista* enhavas la sekvantajn rimarkindajn artikolojn.

A) **Lingva Komitato** 2) Materialoj kaj rimarkoj por helpi al kritika esplikado de la Esperanta Vortaro (E. Boirac) 2) Raporto pri la protesto kontraŭ la vortaro Grosjean-Maupin. 3) Sciigo pri novaj membroj en la Lingva komitato (Oni devas ilin proponi antaŭ la 15a de Januario 1912.

B) **Konstanta Komitato de la Kongresoj**. 1) Diversaj protokoloj pri specialistaj kunvenoj. 2) Elekto de anoj en la Konstanta Komitato. (Oni elektis kiel membroj de la K. K. K. Sinjorojn Dron L. Rosenstock kaj Stanislas Rudnicki el Krakovo kaj Dron Is. Werber el Vieno).

C) **Esperantista Centra Oficejo.** Raporto pri la financa funkciado prezentita al la anoj de la Internacia Konsilantaro. (Tre interesa.) — Nekrologia sciigo pri So Siegfried Lederer.

D) **Internaciaj Asocioj**. Regularo kaj sciigoj pri la internacia unuiĝo de esperantaj verkistoj.

E) Ĝeneralaj informoj pri novaj ĝrupoj kaj ligoj, libroj kaj ĵurnaloj.

F) Komunikoj de ĝenerala intereso.

N. B. La oficiala Gazeto aperas ĉiumonate ; abonoj komenciĝas nur en Januaro kaj Junio. — Jarabono kostas 5 frankojn (2 Sm.) Adreso 51, rue de Clichy, Paris.

## Raporto pri la protestoj kontraŭ la Vortaro de S-ro Grosjean-Maupin

17 Aprilo 1911.

Kiel direktoro de la Komisio por la komuna Vortaro, mi ricevis la tie ĉi aldonitan proteston kontraŭ la vortaro de S-ro Grosjean-Maupin, kun peto, ke la Lingva Komitato ĝin oficiale malaprobu.

Tiu protesto estas subskribita ĝis nun (protestojn mi ricevas ankoraŭ ĉiusemajne) de 28 Lingvokomitatanoj kaj de 15 societoj kaj grupoj. Aliaj Esperantistoj, kiuj ne apartenas al la Lingva Komitato, sendis ankaŭ private sian proteston.

Tiu estas tute ŝatinda nombro, se oni pripensas, kiel malvolonte homoj esprimas skribe sian opinion, kiam ĝi ne estas oficiale petata de ili. Cetere, laŭ la Regularo de la Lingva Komitato (VIII, 4) sufiĉas, ke 5 membroj de la Lingva Komitato subskribu proponon, por ke « ĝi estu devige submetota al la voĉdono de la Akademio ». La nunajn proteston kaj raporton devas do ekzameni la Akademianoj.

La riproĉoj, kiujn oni faras al la vortaro de S-ro Grosjean-Maupin estas : 1-e, ke la aŭtoro ŝanĝas arbitre kelkajn radikojn el « *Universala Vortaro* » (Fundamento), 2-e, ke li aldonas senutile amason da novaj radikoj, kiuj tre ofte duobligas la jam komune uzatajn, eĉ kiam tiuj ĉi apartenas al « *Universala Vortaro* ». Malprave la aŭtoro respondus, ke tiajn vortojn li trovis en esperantaj verkoj : multajn li trovis certe nur en ne esperantaj : malprave ankaŭ, ke li montris ilin per speciale malaprobinda signo : por nur parto de ili, tion li faris.

Ĉu tamen la Lingva Komitato devas oficiale kondamni tiun verkon ?

Post longa pripensado, sed senŝanceliĝe, de la unua momento, kiel nun, mi opinias : « NE ! »

La rolo de nia Akademio (resp. Lingva Komitato) ne estas kondamni ian vorton aŭ ian verkon, se la aŭtoro aŭ la eldonisto ne postulas ĝian juĝon. La libera kritiko de la gazetoj kaj de la Societoj devas sufiĉi kaj efektive sufiĉas, por Esperanto kiel por ĉiu vivanta lingvo, se nur oni ne malebligas tiun liberan kritikon. Sole en tiu lasta okazo la *Oficialaj Institucioj* devus mem agi. Sed feliĉe ĝis nun en Esperantujo, kiel en ĉiuj liberaj landoj, ekzistas la *libereco de la kritiko*, necesa kondiĉo de la libereco de l' verkanto.

Ni havu fidon en la saĝon de l'Esperantistaro kaj ne timu la liberecon eĉ kun ĝiaj danĝeroj ; kie ĝi *plene* ekzistas, ĝi korektas mem siajn erarojn.

Tie ĉi oficiala malaprobo ne plu estas necesa : la diritan verkon la Akademio (resp. Lingva Komitato) povas « ignori »... kun tiu espero tamen, ke la klera aŭtoro, kies konsiloj en « *Franca Esperantista* » estas tiel ofte aprobindaj, baldaŭ verkos libron, kiun la Akademio, se ĝian juĝon oni petos, laŭte povos « rekomendi » (*).

La Direktoro de la Komisio por Komuna Vortaro :
TH. CART.

La Akademio decidis aprobi tiun raporton. Laŭ paragrafo 13-a de la Regularo de la Lingva Komitato, se post tri monatoj, tiu raporto ne estas malaprobita de pli ol unu triono de la Lingva Komitato, ĝi estos konsiderata kiel aprobita de la Lingva Komitato.

(*) Tio kompreneble tute ne signifas, ke la Akademianoj ne rajtas kaj eĉ ne devus, kiel eminentaj Esperantistoj, ĵurnalistoj aŭ prezidantoj de societoj malaprobi publike verkon kontraŭfundamentan.

# Nia Patrolando

Esperantaj paroloj
Oscar Van Schoor

Muziko de
Jan Blockx

Laŭ la Flandra kanto « Ons Vaderland »




Kie kuŝas en tombaro,
De l' gepatroj la ostaro,
Nin dormigis la patrin',
Kaj l'edzino kisas nin :
*Rekantaĵo.* Jen nia patroland', k. t. p.

Kie nur per flandraj sonoj
Kantiĝadas psalmaj tonoj ;
Kie forta batalson'
Kriis : « Flandro la leon' ! »
*Rekantaĵo.* Jen nia patroland', k. t. p.

Kie kapon ne klinigis
Gildoj nek sin submetigis,
Kaj batalis ĝis la mort'
Kontraŭ fremda militfort' !
*Rekantaĵo.* Jen, nia patroland', k.t.p.

En ĝojeg' kaj en doloro,
Kuŝas ĝi en nia koro,
Kaj fidelaj nur al ĝi,
Ĝis la morto kantu ni :
*Rekantaĵo.* Vivu la patroland', k. t. p.

# Letero al ĉiuj instruantoj de esperanto!

Preskaŭ ĉiu instruanto de nia lingvo bedaŭrinde spertas, ke je la fino de la kursa instruado nur restas malgranda nombro da gefervoruloj. La aliaj forlasas la lernadon tuj post apero de eĉ malgrandaj malfacilaĵoj. Ke ĉi tiu fakto ne estas bona propagandilo por ni, ĉiu devas atesti! La foririntoj kompreneble ne kulpigas sin mem, aŭ siajn proprajn malpaciencon kaj senkapablon, sed — ili riproĉas al nia lingvo malfacilegecon, eĉ maltaŭgon Tio prokrastas kaj malhelpas la disvastigadon de Esperanto. Ĉi tiu plendinda vero postulas tujan kontraŭlaboron.

La unua devo estas, esplori la kaŭzon de la danĝera malbono. Jen — mia opinio, eble jam ofte dirita de aliaj samideanoj, sed ĉiam insiste repetita.

La multenombro ne scias sufiĉe bone la gramatikan regularon de la gepatra lingvo. Pro tio ili ne ekkaptas la klarigojn donitajn de la instruanto. Ili ne povas ekzerci kaj lerni per nacilingvaj ekzemploj, ĉar ili ne konas la esencon de la rilata lingva regularo.

Estas konata fakto, ke ĝenerale dum la lerneja tempo nur escepte la fako «Gramatiko» estas ŝatata de la lernantoj. Tio kaŭzas domaĝon al la plenaĝa homo. Dum la ordinara ĉiutaga vivo li eble ne rimarkas tiel grave la efikon de la iama malatenteco, sed kiam li intencas lerni fremdan lingvon, la juneca peko ĝenas multe la bonvolon.

Malgraŭ Esperanto estas multe pli facile lernebla ol ia nacia lingvo, ĝi tamen postulas laboron kaj bonvolan fervoron. Pro tio mi proponas al la instruantoj aŭ instruistoj, kaj ankaŭ al ĉiuj gelernantoj, ke ili, antaŭ la komenco de la esperanta instruado ekzamenu kaj ripetu la regularon de sia gepatra lingvo. Oni ja bezonas sian gepatran lingvon pro elekto de ekzemplo, pro ekzercado. Sekve — oni devas atentigi la gelernantaron pri la nepra graveco de la pritraktita fakto.

Mi certe kredas, ke la akcepto de la propono, ekzameni kaj perfektigi la partoprenantojn de esperantaj kursoj en la rilata gepatra lingvo je la instruada komenco, aŭ je komenco de ĉiu leciono, garantios, plej intensan sukceson Mi signifas tiun ĉi fakton kiel tre gravan faktoron, kies atentado estonte helpos la plej potencan progresadon de nia Esperanto!

Por pripensado kaj ankaŭ por plej bonaj proponoj antaŭdankema, salutas la gesamideanojn

*Gertrude Jacobi Chemnitz.*

# La Senlaca Sinofero

*Novelo originale verkita kaj premiita en la konkurso de BELGA ESPERANTISTO*

**Verkita de F ino JOHANINE FLOURENS, (Roksano) el Béziers (Francujo)**

Tiel enprofundiĝinta en sia feliĉo estis la geamantoj, ke ili ne aŭdis agonian krion de iu korvunditino. Tiun ĉi agonian krion laŭtigis la tro malfeliĉa Hedvigo, kiu sub la batego de tiu superhoma doloro tute perdis konscion. Dum unu momento ŝia spirita neniiĝo estis tia, ke ŝi ne estis kapabla sin regi mem. Ŝia koro plu ne batis, ŝiaj kruroj fleksiĝis, ŝiaj malkvietegaj okuloj estis vualitaj de nebulo ; ŝi kvazaŭ aŭtomate promenigis sian manon sur sia febra frunto, dum ŝi ŝanceliris al sia dormoĉambro, kie ŝi falis sur seĝon. En ŝia deliranta cerbo trapasis la plej teruraj pensoj. Nur krizo de bonfarantaj larmoj povis savi ŝin el tiu neniiĝo, sed ŝiaj okuloj restis sekaj, febraj, brilaj ; ŝi nur ĝemis, ĝemadis, ĉar al ŝi ŝajnis, ke fluidiĝinta plumbo elgutis sur la sangan vundon de ŝia koro kruele disŝirita kvazaŭ de akre pintaj ungoj.

Fine aperis sur ŝiaj okulharoj akvoperloj, kiuj unue malrapidaj, poste rapidaj kaj senhaltaj fluadis, dum la suno brile radiis, dum la birdoj kantis la agrablecon vivi, la feliĉecon ami.

Kion korŝiranta estis la vidaĵo de tiu ĉarma brunulino kun laktoblanka vizaĝkoloro kaj tute mildaj nigraj okuloj, kiu ekkriis en sia malespero :

— Ho ! Kiom, kiom dolora estas ĉeesti la morton de sia sola revo !

Longe, tre longe daŭris tiu plorado, post kiu ŝi kuraĝe diris :

— Altanima mi devas esti kaj provizi min per senlima volaforto, por ne atenti pri la dornoj, kiuj vundos mian koron dum mia devigita, sed ŝajne propravola memofero.

Tion decidinte, ŝi kun vizaĝo montranta preskaŭ sovaĝan energion skribis :

« Mia bona Roberto,

« De la tago kiam vi revenis, ni neniam restis solaj duope,
» por povi libere paroli ; ĉiam nia kara Gizelo kunestas nin ;
» tamen urĝas, ke ni ambaŭ interparolu pri tre seriozaj aferoj.
» Bonvolu do veni hodiaŭ vespere, je la dekunua, kiam dormos
» mia fratino.

« Via
« Hedvigo ».

Dum ŝia irado al la domo de Roberto, kien ŝi iris, por enmanigi sian leteron al lia pordistino, la preterpasantoj haltis, vidante tiun junan virinon, kiu vekis la atenton pro siaj naivaj tremetoj, kaj kiu, ŝajnante ankoraŭ pli palega sub sia granda nigra ĉapelo, senkonscie kaj senhalte ripetis :

— Roberto !... Ho ! Roberto !...

Kiam alproksimiĝis la horo de la rendevuo, ŝi febre ekscitita ĉiudirekte trapasis la salonon.

— ! « Kiu konjektus, ke kun tia korpremateco mi atendas *Lin* ? Mi kredis, ke nia amo daŭros dum nia tuta ekzistado, ĉar infanaĝa mi estis, kiam li promesis al mia malsana patrino ke manon ĉe mano, koron ĉe koro ni trairos la vivon. Tamen, malgraŭ lia malfideleco, malgraŭ la sennoma sufero, kiun li kaŭzos al mi, mi ne povas al li koleri. Ĉu li estas kulpa ? Ne ; ho ! ne. Kulpa estas nur la Fatalo, nur la senkompata sorto, kiu, pli turmentema ol patrinaĉo, senlace persekutas min kun pli kaj pli disŝirantaj frapoj

Sed jen li venas ; ho mia Dio ! donu al mi la necesan kuraĝon. Jes, mi aŭdas liajn paŝojn, kiom malrapidajn, ho ve ! Videble li kredas ke mi tuj postulos la plenumon de lia promeso, kaj al mi li venas kiel mortkondamnito iras al la eŝafodo.

Efektive, malsuprenklinante la kapon kaj pli blanka ol mortotuko eniris Roberto, dum kun rideto la kuraĝa korvunditino diris :

— Fine, ni estas solaj ; sidiĝu, amiko, kaj streĉu ĉiujn viajn fortojn, por elporti la ĉagrenon, kiun mi faros al vi. Via Hedvig, ĉagrenos vin ! Tio ŝajnas al vi stranga, neebla. Tamen... tamen, tio estas la p'e reala realeco ; sed vi estas indulga kaj bonkora, sekve vi senriproĉe pardonos min kaj ne plendos pro la malbono farita de mi al via koro.

Ĉu riproĉinda estas la homo, kies amsento ŝanĝiĝis malgraŭ ĝia volo, malgraŭ ĝia senĉesa penado, restigi ĝin senŝancele en sia koro ? Tiel senlime vi miras pro miaj paroloj, ho amiko ! ke malfermegiĝas kaj fariĝas senesprimaj viaj amitaj — jes, vi ĝuste aŭdis – viaj amitaj kaj ne plu amataj okuloj. Silentu, lasu min paroli, ĉar se vi interrompus min, eble mi ne estus sufiĉe kuraĝa, por... por konfesi, ke mi... jam ne amas vin. Ho ! pro kompato, senkulpigu min ; ne konjektu, ke alia viro trafis mian animon ; ne, ĉar, ne, tuj de via reveno mi konstatis, malĝoje konstatis, ke tute ne vibras mia koro. Jam de tiel longe mi estas patrino de mia fratineto, ke mi estas maljunulino, kiu ne sciponus ami edzon, junan belan edzon kiel vi.

Vi ne antaŭvidis tian konfeson, ĉu ne, Roberto ? Kiel vi certe ne antaŭvidas la oferon, kiun mi postulos de vi. Je la nomo de nia multjara amo, antaŭpromesu, ke vi senmurmure plenumos ĝin.

Sed silentis Roberto, ĉar li timis, ke ŝi postulos lian poл ĉiam foriron.

Ŝi do daŭrigis sian alparoladon.

— Tial ke mi scias, kiom altanima, grandkora, nobla vi estas, mi volus,... mi tre volus, ke vi fariĝu... la edzo de Gizelo. Diru, Roberto, diru, ke vi penados ami ŝin kaj kapti ŝian koron.

Aŭdante tiun ne antaŭkonjektitan peton, la koro de la junulo saltegis en lia brusto, ruĝe reaperis sur liaj vangoj, brilo ĉe liaj okuloj ; sed ne volante montri sian kontentecon, li mallaŭte respondis :

— Via volo plenumiĝos, Hedvigo.

Feliĉe, sentante sin kulpa, li ne maltimis rigardi ŝin, ĉar se li vidus ŝin pli palan ol la paleco mem, se li vidus ŝian febroplenan rigardon, se li vidus ŝian lipon kuntiritan de akuta doloro, tiam, li divenus kiom suferante ŝi diris al li tian mensogon ; sed li vidis nenion, krom, per la penso, la senkompare belajn okulojn de sia Gizelo pleniĝantajn de dolĉega ĝojo, kiam ŝi sciiĝos, ke de nun komenciĝas por ili vivo farita el diinda feliĉo.

* * *

Post nelonga tempo geedziĝis Roberto kaj Gizelo ; de tiu tago pasis du jaroj, en kies daŭro tre ŝanĝiĝis Hedvigo trofrue maljunigita de sia ĉiam samakuta kordoloro.

Ŝia rigardo sub nun tute arĝenteca kaphararo respegulis la impreson de ŝia senfunda malĝojo. Ŝiajn ŝultrojn kurbigis la vivo, kiun kruela destino faris por ŝi tiel pezega kiel neelportebla ŝarĝo.

En tiu ĉi momento ŝi raviĝas antaŭ unujara kerubeto. sur kies vizaĝo ŝi retrovas ĉiujn trajtojn de la viro, kiun, ho ve ! ŝi ne povas forpeli el sia koro, de la viro, kiu dronigis ŝian animon en nigregan mallumon, de la viro, por kiu ŝi tiom suferis kaj por kiu ŝi estas ankoraŭ preta suferi, ĉar al li ŝi sin donis kore kaj anime, kaj neniam sin reprenos de li.

Ŝi parolas al la dormanta anĝeleto. Ŝi diras, ke dank'al li ŝi povis elporti sian vivon, kiu nun havas ŝategatan celon ; tial kiom ŝi benis lian patrinon, kiu, tuj de lia naskiĝo pretekstante, ke ŝi estas ne sufiĉe fortika, per mamnutri lin, kaj eĉ ne sufiĉe lerta por zorgi pri li, esprimis la deziron, ke lia onklino eduku lin.

Kaj nun, la infaneto malfermas la okulojn ; la rigardo de Hedvigo tuj brilas per dia flamo ; ŝi ĝojege tikletas lian mentonon, petante :

— Faru rideton al panjo Hedvigo, bela trezoruleto ; montru al mi vian sesan denton.

Interrompis ŝian babiladon pordistino, kiu alportas al ŝi parfumitan leteron arte ornamitan.

— Fraŭlino Hedvigo, jen por vi letero, kiu multe pli bonodoras, ol la tabako, kiun enflaras mia malvirtoriĉa edzo.

Tiu ŝerco ne ridetigis Hedvigon, kiu rekoninte la skribon de Gizelo sulkigis la brovojn, dum la pordistino scivoleme alpaŝis la lulilon kaj ekkriis :

— Milda Jesuo ! Kiom da ludiloj ! Tiu liteto estas vera bazaro : pulĉinelo, trumpeto, tamburo, vagonaro, aŭtomobilo, aerveturilo, nenio mankas ; ha ! Tiu bubeto povas ja danki la bonan Virgulinon. ke al li ŝi donis tian onklinon kiel vi, por lin dorloti, ĉar, vere, lia patrino atentas pri li kiel pri siaj unuaj ŝtrumpoj ; oni facile povas konstati, ke ŝi multe pli preferas belan robon aŭ ĉapelon ol sian filon, al kiu ŝi nenian venas.

— Sinjorino Anastasio !... severe ekkriis Hedvigo ; ĉu vi senĉese forgesos, ke ni ne povas toleri, ke vi tiel parolas pri mia fratino ? Se ŝi ne venas, la kaŭzo estas, ke ni ŝin vizitas ĉiutage.

— Jes, jes, mi scias ; vi estas la indulgo, la boneco mem, fraŭlino, vi ĉiam estas preta, por senkulpigi ŝin ; sed ĉiuj ne estas vole blindaj kiel vi. Se vi dubos pri mia diro, demandu ĉiujn najbarinojn. Se nur unu sola ne samopinios kiel mi, se nur unu sola ne kompatos vian bofraton, kiu videble aliiĝos de unu tago al la alia, nu ! mi volas, ke oni fortranĉu mian langon.

— Ne faru tian veton, ĉar se vi malgajnus, vi estus terure punata.

— Ha ! Vi aludas mian babilemecon, sed se mi mallaŭdas, prave mallaŭdas vian fratinon, mi en ĉiuj okazoj laŭdegas vin, kaj diras al kiu volas aŭskulti min, ke vi estas, tiel diri, elĉieliĝinta anĝelo.

— Sufiĉe ! sinjorino Anastasio, mi devas legi mian leteron.

— Kaj mi devas reiri al mia sidejo. Kiam mi venis al vi, mia fripona edzo balais la trotuaron, kaj mi tre timas, ke li profitis mian foreston, por trinki likvoraĉon, alkoholaĉon en la kontraŭa trinkejo.

Kvankam malkvieta pro la ĵus alportita letero, Hedvigo ridetis, aŭdante la plendojn de la bona sinjorino Anastasio, kies kutima peko estis ŝatego al likvoroj, kaj kiu foriris, dirante :

— Ha ! La viroj !. La viroj !. Kia speco de kreitaĵo konsistanta el ĉiuj malvirtoj ! Kiom saĝe vi agis, fraŭlino, ne edziniĝante. Nu ! Ĝis revido !

Ferminte la pordon, Hedvigo diris al si mem :

— Kial do Gizelo skribis, anstataŭ veni ? Ha ! Tro prava estas, ho ve ! mia pordistino. Mia fratino neniam havas tempon, por veni ĉi tien kisi sian fileton. Kiom ŝi ŝanĝiĝis !... Kiom ŝi fariĝis luksama, eleganta en siaj vestaĵoj. Verŝajne, per tiu ĉi letero ŝi petas, ke mi pagu ŝuldon al ŝia ĉapelistino ; tion ŝi ne kuraĝas diri buŝe al mi, ĉar la pasintan monaton mi ŝin tedadmonis, kiam al ŝi mankis kvindekkvin spesmilojn,por

kvitiĝi kun sia kudristino. Kompatinda Roberto ! Tre certe, Gizelo ne donas al li la prisopiritan feliĉon.

Tamen, mi devas elkovertigi ĉi tiun skribaĵon, kiu ne kontentigos min ; tion ĉi mi antaŭsentas.

Ŝi ne eraris. Eklegintc la unuajn liniojn ŝi faris raŭkan ekkrion, ŝi frotis, refrotis al si la okulojn, kvazaŭ ŝi penus vekiĝi, kaj ŝi demandis per neklara voĉo :

— Ĉu mi premsonĝas, Dio mia ? Ve, ho ve ! mi ne povas dubi pri tio La nepardoninda kulpulino reale skribis :

» Kara Hedvigo,

» Vi, ki u neniam pekis, vi, kiu enkorpigas la honestecon, » la virtecon kaj ĉiujn plej altajn ecojn, vi, kiu estas sank- » tulino. vi koleros al mi kaj estos tute skandalita, kiam vi » sciiĝos, ke mi forlasis la edzon kaj la hejmon, por iri » malproksimen. Tie mi vivados en bela kastelo, kiu jam » estas mia propra posedaĵo, en kiu mi estos kvazaŭ Reĝino » kun vera armeo da lakeoj kaj servistinoj, en kiu » mi estos potenca Estrino superreganta milmilionulon, kies sola » vivcelo estas feliĉigi min, kaj kiu havas la eblon fari elspezojn, » ne kalkulante ilin, dum mia edzo kiu, kiel vi scias, ne estas » riĉegulo, — kaj kiu de kelka tempo ĉiam estas grumblema — » tute ne povas fari ĉiujn elspezojn necesigitajn de miaj koket- » ulinaj bezonoj.

» Ne ruĝiĝu, ne hontu pri mi, kaj precipe ne kulpigu min, » ĉar la kulpo devenas de vi, de vi sola. Estas senutile eksaltegi » kaj protesti. Efektive, al kiu mi ŝuldas mian senliman ŝaton al » komforto, lukso, elegantaj vestaĵoj, k. c., k. c. ? Ĉu ne al vi, » kiu ĉiam opiniis kion ajn — eĉ belegan — ne sufiĉe bela por » mi senkompare bela ? Kiu kutimigis min, vidi ĉiujn miajn » dezirojn plenumitajn ? Ĉu ne vi, kiu neniam murmurante obeis » miajn plej postulemajn kapricojn ? Ĉu mi bezonas insisti plie, » por ke, frapante al vi la bruston, vi konvinke konsentu :

» — Kio okazas, tio okazas ja pro mia kulpo, mia granda » kulpo, mia tre granda kulpo ?

» Jes, vi mem faris min tia, kia mi estas : vi tre malbone » edukis min ; sed, sufiĉe pri tio. Estas al mi tute egale, ĉu vi » kulpigos min aŭ vin.

» Vi juĝos min malbona patrino ; tamen, ĉu mia infaneto ne » estos senmezure dorlotata de vi, kiu naskiĝis, por esti patrino » de ne de vi naskitaj idoj. Rimarkinde estas, ke via destino » estas ami kaj la mia, esti amata, kio estas ja preferinda, — » almenaŭ laŭ mia opinio. Do, mi tute ne dubas, ke vi amegos » vian nevon kaj eble ankaŭ.... kiu scias ?.... vi reamos mian » edzon kaj edziniĝos kun li, ĉar li rajtos leĝe eksedziĝi. Tion mi » tutkore deziras, por ke vi triope vivadu feliĉaj.

» Mi kisas vin kaj Roberton.

» Gizelo,

» P. S. — Ne klopodu, por koni mian adreson, en celo revenigi
» min en la edzan hejmon ; tio estus vana penado : mi senrevene
» foriras. »

La tralegado de tiu letero estis por Hedvigo bato superanta la homan forton. Ŝia cerbo bolas, le febro sekigas ŝiajn lipojn, kvazaŭ malluma vualo etendiĝas antaŭ ŝi, ŝiaj palpebroj restas mallevitaj, sed ne dormas la korŝirita sentemulino ; ŝi mallaŭte elparolas sensekvajn, sensignifajn vortojn ; ŝi ŝajnas barakti en terura premsonĝo. Nokto, plena nokto estas tuj fariĝonta en ŝia kapo.

La estuleto en sia lulilo mirante rigardas sian panjon, kiu kutime parolas al li senhalte ; kaj vidante, ke ŝi restes senmove kun fermitaj okuloj, li faras lipgrimacon, ekploras, ploras, ploregas.

Tiuj krioj eltiras Hedvigon el ŝia dolorega stato. Si rapidas al la baldaŭ konsolita infaneto, kaj parolas al li pensante ne pri sia korsufero, sed nur pri tiu devigo sentita de la amato :

— Ho Roberteto mia ! kompatinda filo de senhonta patrino, mi tuj vestu vin kaj ni kune iru al via plendinda patro, kies senliman doloron mi senpene komprenas : tiel pasie li amas sian edzinon ! Sed ni ambaŭ konsolos nian karan malfeliĉulon. Ni foriru senprokraste.

Foriri senprokraste ŝi ne povis, ĉar oni frapis ĉe la pordo, kaj eniris knabineto kun letero en la mano. Montrante ĝin, ŝi diris :

— Sinjoro Roberto petis, ke mi alportu ĝin al vi.

Dankinte kaj rekondukinte la knabineton, Hedvigo malfermis la koverton kun la certeco, ke ĝi entenas peton por helpo de ŝia rekuraĝigonta amikeco.

Ekvidinte nur kelkajn vortojn, ŝi havas la senton, ke feraj fingroj premegas ŝian koron, kvazaŭ celante ĉesigi ĝiajn batojn ; ŝviteto kovras ŝian korpon ; ŝiaj dentoj brue interfrapiĝas ; subita malvarmo ekkaptas ŝin, pli kaj pli etendiĝas... ĝis ŝia koro. Certe, ŝi terure suferas. Ŝiaj pupiloj plilarĝiĝas ; el ŝia gorĝo eliras neklaraj sonoj ; ŝi tremas, longtempe tremadas ; ŝia korpo renversiĝas malantaŭen.

Ĉe la bruo de ŝia falo teren iu najbarino alkuris. Vidinte ŝin sternitan sur la planko ŝi kriis :

— Helpon ! Helpon !

Sinjorino Anastasio alrapidis, kaj vidinte ĉifitajn leterojn en la mano de la svenintino, ŝi enpoŝigis, la pordistino metis la infaneton en ŝiajn brakojn, prave konjektante, ke li estos la plej efika konsolanto. Efektive, li ŝin karesis per siaj manetoj, li ŝin vokis per nekompreneblaj vortetoj, kaj ŝi pasie, sovaĝe premis lin al sia brusto, certigante :

— Ho ! fileto mia, el mia amo al vi mi ĉerpos fortan provizon da kuraĝo, por ŝati la vivon.

Kaj tial ke ŝi per esplora ĉirkaŭrigardo serĉis ion, Sinjorino Anastasio donis al ŝi la leterojn. Kisante sian neveton. — tiel celante ne malfortiĝi — ŝi legis :

« Kara bofratino,

« Kiam vi legos tiun ĉi leteron, tiam estos mortfrapinta « sin via bofrato, kies koro estis ludilo unue por vi, poste « por via fratino.

« Ha ! Dankinda, beninda vi estis en la tago, kiam vi « fianĉigis min kun Gizelo, kiu neniigis mian volon, mian « energion, kiu faris el mi... ho honto !... monludisto kaj ... « ŝtelisto. Jes, ŝtelisto mi estas, mi, kiu personigis la honestecon.

« Jam de longe,por kontentigi pasie amatan edzinon, mi restis « noktojn antaŭ ludotabloj. Antaŭhieraŭ mi forlasis la ludejon, « ŝuldante kvar mil spesmilojn, kiujn mi devis redoni hieraŭ « vespere. Kie mi povis trovi ilin ?... Nenie, krom en la kaso « de mia dunginto. Mi esperis gajni kaj hodiaŭ matene reen- « kasigi tiun sumon, sed la malbonŝanco persekutis min : mi « malgajnis, tiel senhalte malgajnis, ke mi denove prunteprenis « du mil spesmilojn.

« Kiel konsolajon, ve, mi reenhejmiĝinte trovis la ĉi tie enfer- « mitan leteron de mia edzino. Ha ! Mi ankoraŭ aŭdas, kvazaŭ mi « estus antaŭ li, iun ludantan dandon, kiu, pro mia paleco « kiam li pruntedonis monon al mi, diris kun malica rideto :

— » Ne ĉagreniĝu, sinjoro, pro via daŭra malgajno. Vi » certe konas la proverbon : Kiu kartlude malgajnas, tiu estas » fidele amata. Vere, fideleco de tiom belega edzino kiel la » via tute ne estas malŝatinda.

» Mi nun komprenas, kiom ironie paroliis tiu elegantulo, kiu » eble de longe konas la malfidelecon de Gizelo. Ha ! Kial » al lia vizaĝo mi ne jetis la jus pruntitan monon ? Kial mi » ne survangis lin ? Sed ĉu mi povis diveni la senlimecon » de mia malfeliĉo ?... Pli ol unu fojo sendube mia edzeca » malbonsorto estis la temo de la konversacioj en la ludejo... » kaj ĉie, kie oni nin konas Esti tiel mokata pro edzino » kaj por ŝi fariĝi malhonesta !...

» Kion fari nun, kiam mi estas rindinda kaj malhonorinda ?.. » Morti, nur morti, kompreneble. Ĉu estas alia rimedo, por » eviti la malliberejon ? Tial, senŝanceliĝe mi tuj prenos mian » revolveron ; mia mano ne tremos. Tamen, kiom korŝirita » mi estas de la penso, ke mi forlasos mian karan infaneton.

» Ho amata fileto mia ! mi ne revidos vin, mi ne faros » adiaŭan kison al vi. Tio estas terura. Kiu patro ne kons- » cios la profundecon de mia doloro ? Sed, se mi forhejmiĝos, » tiam sur la strato aŭ antaŭ la domo, ĉu policisto ne ares- » tos min ?

» Hedvigo, matene kaj vespere, ĉiun tagon, vi kisu lin » je mia nomo. Vi, kiu estas ja lia patrino, ofte parolu al » li pri mi. Li pie konservu en sia koro memoron al sia

» kompatinda patro. Mi petegas, kara bofratino, ho ! mi petegas;
» li neniam eksciu, kiom malhonorinda mi fariĝis pro malsaĝa
» amo al lia patrino.

» Precipe, mi insiste konsilas, ke se vi elektos iam por li
» edzinon, vi elektu pli zorge, ol por mi.

» Certa, ke via patrina amemo estos pli longedaŭra, ol via
» fianĉina amo, mi diras al vi eternan adiaŭon.

« Roberto ».

* * *

La postmorgaŭon, Hedvigo, funebre vestita, surgenue antaŭ tombo kovrita per rozoj, ploregas kaj ĝemas :

— Pace ripozu, ho karulo mia ! Pagitaj estas de mi viaj ŝuldoj, kaj neniu rajtos atenci vian reputacion ; neniam pri vi ruĝiĝos pro honto via filo, en kies koro mi naskos senfinan amon kaj senliman respekton al lia patro. Tio estos facila tasko por via Hedviga, kies fianĉina amo daŭris pli longe, ol via vivo, kaj kiu plenumis sanktan devon, savante el la malhonoro vian karan nomon kaj tiun de la senkulpa anĝeleto.

Senigita je ĉio sup rflua, tute senmona mi nun estas, sed tio estas negrava : kuraĝon mi havas Mi senripoze laboros, ne nur por ke granda laceco neniigu mian pensokapablon, ebligu al mi sensonĝan dormon, — ĉar malĝojaj rememoroj, kruelaj sonĝoj malrapide mortigas — sed ankaŭ kaj precipe por ke nia Roberteto vivadu komforte kaj feliĉe.

Kaj, se iam li tiel maljusta kiel siaj gepatroj senkompate disŝiros mian koron, se li ankaŭ riproĉos min pro vivo farita el sindono, mi tiam — kiel hodiaŭ — ne plendos, ĉar, kiam oni senkondiĉe amas, oni antaŭpardonas la tutan malbonon venontan de l'amata estulo.

ROKSANO.

---

# BELGA KRONIKO

*Ni insiste petas ĉiujn grupojn kaj ankaŭ la disajn samideanojn, ke ili sendu, kiel eble plej akurate, informojn pri sia societo aŭ ĉiuspecajn sciigojn pri Esperanto, plej malfrue la 25an de ĉiu monato, al « Belga Esperantisto », 20, Vondelstraat (rue Vondel), Antwerpen (Anvers). Tre danke nia redakcio ankaŭ ricevos la ĵurnalojn, enhavantajn artikolojn pri nia movado.*

**BRUSELO.** — La Esperanta Oficejo por Bruselo estas starigita ĉe MM. Cook & Son, 41, rue de la Madeleine — La samideanoj trovos tie apartan servon por U. E. A. kaj ĉiaspecojn sciigojn pri esperantistaj aferoj, adresoj de la grupoj, kursoj, k.t.p. La sekretario mem sekvas esperantan kurson kaj tre baldaŭ li povos *peresperante* interrilati kun siaj vizitontoj.

A. R.

— El la ĉefurbo ni ricevas aron da bonaj novaĵoj : La Federacio de la Bruselaj grupaj organizis la kursojn en la sekvantoj societoj : Universi-

tato libera de Bruselo, Akademia Societo de la Belgaj kalkulistoj, Poliglota Klubo, Teaching Club-Ixelles, Popolaj universitatoj de Molenbeek kaj Koekelberg. — La urbestaro speciale starigis kurson pri Esperanto.

— Paroladoj (kun lumbildoj) estis faritaj de S-ro Mathieux en St Gilles (9an de novembro), ĉe la Universitato de Bruselo (28an de nov.) en la Bibliografia Instituto (2an de decembro) en Koekelberg (la 4an de dec.) en Molenbeek (5an de dec.) kaj Schaerbeek (15an de dec.).

— La 9an de novembro la Grupo Antaŭen de St Gilles organizis sukcesplenan feston. La programo konsistis el « Por kvietaj Personoj », « L'Héritage Klodarec » kaj propaganda parolado.

— Por helpi la belgajn grupojn, la interpretintoj de la du komedioj (ne luditaj en Molenbeek, la 16an de novembro, kun parolado de S-ro Meynkercken) konsentus ludi ilin laŭ peto. La reĝisoro estas nia samideano Sel, profesia artisto. Pri la kondiĉoj, oni sin turnu al F. Mathieux, sekretario de « Autaŭen » 49, Marché aux Poulets, Bruxelles.

**CHARLEROI.** — La 15 an de novembro la Karloreĝa Grupo, okaze de siaj merkredaj kunvenoj en la « Hôtel de l'Espérance » (place de la Stacidomo) rekomencis ĉiusemajnan praktikan kurson laŭ la rekta metodo. La nove alvenintaj gelernantoj,sufiĉe multnombraj, tre interesiĝas pri la internacia lingvo, kaj ĉiuj espereble fariĝos fervoraj kunbatalantoj.

**St. MARIABURG.** — La kunvenoj de la Grupo kaj la kursoj regule okazas. Kun ĝojo ni vidas ke la ĵurnalo « *De Gazet van Sinte Mariaburg* » ĉiusemajne publikigas artikoletojn ĉu por-ĉu per-esperantajn.

**ANTVERPENO Esperantista Unuiĝo (germana lernejo)** La pasintan monaton la unuiĝo komencigis tri kursojn : du elementajn kursojn (ĉiumerkrede kaj ĉiuĵaŭde) kaj perfektiga kurso (ĉiuvendrede.)

**La Verda Stelo.** — Avizo al la membroj : Ĉiuj membroj estas invitataj por ĉeesti la ĉiusemajnajn kunvenojn, kiuj okazas merkrede je la 8 1/2 v. en la sidejo de la grupo : Dageraadplaats 30 (Place de l'Aurore 30.)

Ili estas insiste petataj ĉeesti la ĝeneralan kunvenon de la societo je merkredo, la 27 an de decembro je la 8 1/2 a vespere en la suprecitita loko. La komitato esperas ke ĉiuj venos ĉar la tagordo estas tre grava : 1 Raporto pri la lastokazinta kunveno ; 2. — Estonta propagando, 3. — Proponoj pri ŝanĝoj en la regularo ; 4. — Proponoj pri kandidatecoj por la Komitatoj : — 5. Forloto de bela libero.

**SAINT GILLES (Bruselo).** — Dimanĉon 19an de Novembro okazis en la Salono Simonis, Koekelberg, la 1a rememora festo de la starigo de la Popola Universitato de Koekelberg.

Tiuokaze la vigla esperantista grupo de Saint Gilles organizis esperantan feston. La 24an de Novembro, S-ro Dederickx faris paroladon kun lumbildoj pri Esperanto.

**KOEKELBERG (Bruselo).** — Ĉiuvendrede okazas esperantista kurso, farata de nia lerta samideano Dederickx. La tuta komitato de la Popola Universitato enskribigis sin por sekvi tiun kurson, donante tiamaniere imitindan ekzemplon al la Koekelberganoj.

**SPA.** — Dank' al laŭdindaj klopodoj de S-ino D-ro Biske, la grupo Esperantista en Spa definitive kaj firme stariĝis. La enskriboj por la kurso, kiun organizis tiu agema samideanino, estis tiel multnombraj ke ŝi estis devigita duobligi la kurson.

La sekvantaj gesamideanoj prenis profesoran takon sur sin :

S-ro Charles Hault, honora profesoro.
S-ro Decq, direktoro de la banejo.
F-ino Stronck, estrino de la lernejo Lecocq.
S-ino Defossez, profesorino ĉe la mezgrada lernejo.
F-ino Tombeur,
S-ro Ph. Desonay.

Ĉiuj donas nun kursojn senpagajn kiuj okazas ĉiutage je malsamaj horoj.

S-ino Grafino Van der Burch kaj S-ro Albin Body literaturisto, akceptis la honoran prezidantecon de la grupo. Ŝ. M. Princino Napoleon esprimis al S-ino Biske siajn plej bonajn dezirojn por la sukceso de ŝia iniciativo.

Ni aldonu ankoraŭ ke ŝi materie subtenas la movadon : ŝi donacis al la grupo belan kolekton da libroj, ĵurnaloj kaj muzikaĵoj pri kiuj la membroj senpage povas disponi.

La loka ĵurnalaro estas tre favora al la klopodoj de niaj propagandistoj ; ni speciale citu la belajn artikolojn kiuj aperis en « Le Pouhon », « La Gazette de Spa » kaj « L'Avenir de Spa ».

Ni kore aplaŭdas la klopodojn de la tieaj geamikoj kaj ni sendas al ili niajn plej samideanajn bondezirojn por fina sukceso.

**BOROERHOUT.** — La Grupo Laboro havis la 4an de Decembro sian ĝeneralan kunvenon. S° Roe kaj Durieux eksiĝis kiel prezidanto kaj sekretario. La kunveno elektis la sekvantan novan komitaton. Prezidanto S° Arthur Vermandel ; vicprezidantino Fino M. Posenaer ; sekretario S° Van Meerbeeck Kasisto : S° Ponyaert ; Bibliotekisto ; S° Laenens.

La kunvenoj, kun perfektiga kurso okazos la 2an kaj la 4an lundojn de ĉiu monato, je la 8 1/2 vespere, en la sidejo de la Grupo : De Passer, Turnhoutsche Baan, Borgerhout.

---

## EKSTERLANDA KRONIKO

**Granda Britujo.** — Ĉiu vigle semas siajn semerojn. Paroladoj okazis en Southport, Keighley, Bath, Sidcup (antaŭ la literatura k. Scienca Societo, per D[r] Pollen) k. en Bradford (antaŭ la A i ikeca Societa konsilantaro. — Plie en Kingston, kun raporto en loka gazeto ; Harrow, Eastbourne ; Horncastle (kie auskultis pli ol 150 pers. k. raporto presiĝis en loka gazeto ; Kettering ; Northampton ; Dowlais ; Glasgow (Skotl.) k. Edinburgo (Skotl.).

Novaj kursoj stariĝis en Cricklewood, en la filio de la fama lernejo « Clarkscollege » ; Sidcup k. Glasgow (Skotll.) Novaj grupoj en Charley k. Dowlais. (Ad. Ŝ.).

**Francujo.** — La monata revuo *Le Journal de la Famille*, 23, Boulevard des Italiens, publikigas ĉiumonate artikolojn favorajn por Esperanto kaj nia movado. Niajn korajn dankojn al nia tre interesa kolego.

Eĉ guto malgranda, konstante frapanta,
Traboras la monton granitan.

— En Parizo, malfermiĝis ne malpli ol **70** novaj kursoj dum la nuna vintra sezono.

**Italujo.** — Ni salutas tutkore la aperon de *Italo Esperantisto*, la oficiala organo de l' Itala Esperantista Asocio kiun oni fine sukcesis starigi, post multaj kaj longaj malfacilaj klopodoj kaj penadoj. Gratulu ni la konatan kaj fervorplenan samideanon D-ron Stromboli kiu estas la ĉefa laboristo de tiu ĉi rezultato.

La sidejo de la Itala Asocio kaj de ĝia ĵurnalo estas en Genova, salita Pollaiuoli n° 13.

**Meksiklando.** — Kun ĝojo ni sciiĝis ke *Esperanta Gazeto*, (Ap. 115, Guadalajara, Meksiko) reaperis. Ni komunikas tion al maj gelegantoj, por ke ili helpu la Meksikan kolegon. Jara abono Sm. 1.—.

**Svedujo.** — La ĉiutaga social-demokrata gazeto *Arbetarbladet* en *Gefle* regule publikigas, sub speciala rubriko, novajojn pri la esperanta movado.

**Hispanujo.** — *Ĵurnala propagando.* — Rekomencinte la tagon 21 an de Septembro, *La Publicidad*, denove enhavas ĉiujaŭde Esperantan fakon. En la granda ĉiutaga ĵurnalo el Barcelono, *Las Noticias*, aperis ses artikoloj, pri la *Sepa*, verkitaj de Delfi Dalmau, kiuj estis gravaj propagandiloj por nia kara celo. La numeroj de *Las Noticias* enhavantaj tiujn artikolojn estas la datitaj 22 23a kaj 25a Aŭgusto kaj 3a, 7a, 16a kaj 25a Septembro. Ankaŭ publikigis samspecaĵn artikolojn *El Poble Català*, *La Actualidad* kaj *Diario del Comercio*, kiujn verkis J. B. M. (Jacinte Bremòn Masgrau).

---

# El eksterlandaj literaturoj.

## FRIDTJOF NANSEN.

Ĉi sube ni donas al niaj legantoj la unuan paĝon de la verkoj de Fridtjof Nanzen, la norvega esploristo kiu estris en 1893 kaj dum la sekvantaj jaroj, kun la ŝipo Fram, la faman esplorvojaĝon en la Norda Poluso.

Li publikigis la rakonton de tiu rimarkinda vojaĝo en la verko « *En nokto kaj glaco* ». La paĝo kiun mi esperantigitan donas al niaj legantoj pruvos ke lerta maristo kaj esploristo povas samtempe esti poeziplena pensanto kaj bela stilisto.

---

> Post longaj jaroj venos tempo, dum kiu la Oceano rompos la ligilojn de la kreitaĵoj, dum kiu la nemezurebla tero estos mallermita, dum kiu la maristo eltrovos novajn landojn kaj dum kiu Thule ne plu estos la plej malproksima inter la teroj (SENECA)

Neviditaj kaj netuŝitaj la frostitaj Poluslandoj dormetadis de la komenco de la tempoj, sub sia senmakulita glacmantelo, en potenca mortripozo. Kovrita per sia blanka vestaĵaro, la fortikega giganto etendis siajn malvarmajn glacmembrojn kaj kovis sonĝojn de miloj da jaroj.

La tempoj forflugis ; profunda estis la kvieto.

Kaj jen — en la matenkrepusko de la historio, malproksime en la Sudo - la ekvekanta spirito de la homo levis la kapon kaj ĉirkaŭrigardis la teron ; en la direkto de la Sudo varmeco venis renkonten al li, en la direkto de la Nordo li sentis la malvarmon kaj malantaŭ la limoj de la nekonateco

li lokigis la du regnejojn : tiu de la ĉion bruliganta varmeco kaj tiu de la neniiganta malvarmo.

Sed antaŭ la ĉiam kreskanta premado de la homa spirito al lumo kaj scienco, la limoj de la nekonataĵo devis cedi paŝon post paŝo, ĝis kiam ili, en la Nordo, restis sur la sojlo de la granda glactombejo de la naturo, la senfina kvieto de la Polusaj landoj. Ĝis tiu momento neniaj nevenkeblaj bariloj sin prezentis al la antaŭenirantaj anaroj kaj konsolitaj ili iris ĉiam antaŭen.

Sed tie ĉi la gigantoj sin turnis frunte kontraŭ ili, kunligitaj kun la plej fortaj malamikoj de la vivo : la glaco, la malvarmo kaj la longa vintranokto.

Amaso post amaso iradis norden, sed estis nur por suferi venkon post venko. Novaj vicoj da batalantoj staris pretaj por antaŭeniri super la falintaj antaŭuloj.

Nur nepriskribeble longdaŭre la homa okulo kapablis trabori la nebulojn de la glacmaro ; malantaŭ la nebulmuro kuŝis la lando de la fabulo ; tie en Nebulujo, la malhela norda Sag-regnejo interbatalis la fantomoj de Nebulujo, la *Rimtursoj*, en siaj sovaĝaj batalludoj.

Kial ni ĉiam de nove iris tien ? Tie, norde, kuŝis en mallumo kaj malvarmo, *Helhejmo*, la hejmo de la morto kie regnas la mortdiino ; tie kuŝis *Naastrand* la marbordo de la senvivuloj ; tien, kie neniu vivantaĵo kapablis respiri, — tien oni iris, amaso post amaso – kial ? Ĉu por repreni mortintojn, kiel Hermodro kiam li elveturis por serĉi Baldron ? Ne, sciigojn por la venontaj generacioj ili tie serĉadis... kaj se vi volas vidi la homan spiriton, en ĝia plej nobla batalo kontraŭ superstiĉo kaj mallumo, legu tiam la historion de la Polusvojaĝoj, legu la historion de viroj, kiujn, en tiuj tempoj, kiam la travintrado en la Polusa nokto ŝajnis certigi plie morton ol vivon, tamen kun flirtantaj flagoj antaŭeniris al la nekonateco. Certe, nenie oni aĉetis sciencon per pli granda sumo da senigoj, bezonoj kaj suferoj ; sed la homa spirito ne kvietiĝos ĝis kiam ĉiu loko de tiu lando iĝos alirebla kaj ĉiu enigmo estos solvita.

Mejlo post mejlo, grado post grado, oni antaŭenrampis per klopodoj de ĉiuj fortoj. Malrapide tagiĝas ; ni estas ankoraŭ en la matenkrepusko kaj mallumo ankoraŭ ĉiam ŝvebas super grandegaj sovaĝaj regionoj tie en la Poluso.

Esperantigis OSCAR VAN SCHOOR.

# La Kiso Rompita

La poeziajo « El Beso Roto « kiun mi publikigas ĉi sube esperantig itan ĉarmis min treege kiam mi legis ĝin en la originala hispana teksto, en la *Esperanta Gazeto* de Guadalajara (Mexico). Kvankam ĝi estas tradukita nek ritme nek rime, mi tamen esperas ke la belega penso en ĝi enhavata ankaŭ ĉarmos miajn karajn samideanojn. La originalo estas verkita de Luis RAM DE VIU.

Mi konservis, enkluditan en animo.
Kisegon tiel grandan,
Ke ĝi volis rompi la murojn
De sia mallarĝa malliberejo
Estis la kiso kiu naskiĝis, etendante
Al ĉielo la flugilojn ;
Ĉasta kaj pura, sen ia kunmikso
De aĵo makulata ;
Tiu kiso, kiun kelkfoje imitas,
Per siaj lipoj timplenaj,
Kiam ili revas kune kun anĝeloj
La infanoj dormantaj !

. . . . . . . . . . . . . . . . .

Ian nokton de vintro, mia patrino,
Frapita de morto,
Min petis tiun kison dum siaj vagaj
Deliroj de febro,
Kiam tremante, mi serĉis ĉirkaŭe
Por rigardi ŝian vizaĝon,
Kaj ŝi havis la silenton en la lipoj
Kaj la malvarmon en la okuloj.

Mi kisis ŝin kun deliro, jungante
Ŝian buŝon al la mia,
Por fermi la vojon al tiu animo,
Magneto de mia vivo.
Ho ! kian batalon entreprenis tiam
L'animo kaj la kiso...
Ĉio senutile... L'animo en la ombro
Trompis ĝian renkonton !
Unu momento de angoro... unu ĝemo
De morta korprémo !...
Kaj tiu kiso, tiel granda, falis
Kun le flugiloj rompitaj...

. . . . . . . . . . . . . . . . .

. . . . . . . . . . . . . . . . .

Patrino mia, la kisoj kiujn poste
Miaj lipoj, donis,
Nur estis pecoj de kiso ;
Pecoj de tiu kiso !

Esperantigis
OSCAR VAN SCHOOR.

---

# POEZIAĴOJ.

## ENARBARA DIALOGO.

Tra la ŝtonaro
jen ! — kio sonadas ?
Ĉu arbarulo
petole bruadas ?

*
* *

De ŝtono al ŝtono
gaje saltetas...
kiel saluton
ĝi akvon disĵetas.

*
* *

Ĵus el la monto
ĝi brue fluetas ;
senhalte al valo,
malsupren plaŭdetas.

» Pri bela princino
» aŭskultu la diron,
» kiu ĉi tie
» ĉesigis la iron.

*
* *

» Neniam, ho Dio !
» mi vidis plibelon,
» kaj mia foliaro
» karesis anĝelon ! »

*
* *

Kaj de l' rivereto
la moka respondo :
» Jes, jes, enviinda
» vi estas en mondo.

« Aŭdu min iom,
kara amiko ! »
surborde staranta
ekvokas saliko.

» Sed ankaŭ ripozi
» ĉe vi, fanfarulo,
» min ŝi jam faris
» feliĉegulo...

* * *

» La akvon ŝi trinkis
» el mia ujeto :
» dolĉe min ravis
» princina kiseto ! »

ARNOLD BEHRENDT.

DE NASKIĜO AL... LACIĜO.

Kiam ekbrilis al mi la sun'
Ree verdiĝis jam la kamparo
Kaj, laŭ la montroj de l'kalendaro,
Kuron ĵus duan finis la lun'.

Sed amasiĝis jaro post jaro,
Kvindek da ili ŝarĝas min nun ;
Baldaŭ min teren klinos aŭtun',
Kvazaŭ rompiĝus mia ostaro.

Antaŭ ol regas frosta veter',
Ĉar min nenio logas sur ter'
Pli ol silenta tomba trankvilo,

En la batalo kontraŭ la sort',
Nu, do, min igu fali la mort',
Min ne tremigas ĝia falĉilo.

F. MAETZ.

(Amiens la 14an de Januaro 1911.)

---

# Kurioza Matematika Teoremo.

Samideano kiu subskrikas « Sereza Leganto » rememorante nian peton al la legantoj por ke ili kunlaboru en nia ĵurnalo, sendas al ni la sekvantan matematikaŭ kuriozaĵon. Ni dankas nian leganton kaj ni esperas ke multnombraj legantoj sekvos tiun imitindan ekzemplon.

*Kiel, matematike, oni povas pruvi ke 1=2=3=4, k. t. p.*

Ekzemple, ni prenu : $A = 1$

$$B = 2$$

$$A + B = 3$$

do $A = 3 - B$ (3 − B) (1°)

kaj $B = 3 - A$ (2°)

Nun, ni multipliku ĉiujn termojn de (1°) per B, kaj ĉiujn termojn de (2°) per A. — Ni obtenos :

$$AB = 3B - B^2$$

$$AB = 3A - A^2$$

Sed, 2 kvantoj kiuj estas egalaj je tria, sin egalas. Do,

$$3A - A^2 = 3B - B^2$$

Ni ŝanĝu ĉiujn signoj (oni povas ĝin fari) :

$$A^2 - 3A = B^2 - 3B$$

Ni aldonu al ambaŭ membroj la kvanton $\frac{4}{9}$ ; tio ne ŝanĝas la egalecon.

$$A^2 - 3A + \frac{9}{4} = B^2 - 3B + \frac{9}{4}$$

Tiel, ni obtenos 2 « perfektajn kvadratojn » kiuj sin egalas reciproke. La unua membro egalvalorante la duan, ĝia kvadrata radiko evidente egalvaloras la kvadratan radikon de la dua membro.

$$\sqrt{A^2 - 3A + \frac{9}{4}} = \sqrt{B^2 - 3B + \frac{9}{4}}$$

Sed

$$\sqrt{A^2 - 3A + \frac{4}{9}} = A - \frac{3}{2}$$

kaj

$$\sqrt{B^2 - 3B + \frac{9}{4}} = B - \frac{3}{2}$$

Do,

$$A - \frac{3}{2} = B - \frac{3}{2}$$

Sekve $A = B$

Oni povas doni al A kaj B, kiajn ajn valorojn, la rezultato restos sama.

Sereza leganto de B. E.

---

# BIBLIOGRAFIO

**Albrecht Dürer.** lia vivo kaj elekto el liaj verkoj. Kun klarigoj de la apartaj folioj. Eldonita de Dr Friedrich Nüchter. Esperantigita de la Germana Esperanto-Asocio.

La belega kajero, formato en folio enhavas 95 paĝojn : Tekston, 54 tabulojn kaj bildojn (13 pentraĵojn de Dürer, 12 mandesegnaĵojn, 16 kuprogravuraĵojn, 12 lignogravuraĵojn, 1 koloran presaĵon).

Prezo nur 2 Sm. (4 M.) lukse bindita 2 1/2 Sm. (5 M.). Librejo Fr. Seybold, Esperantia Entrepreno de U. E. A., Ansbach, Bavarujo, Kontulo ĉe la Ĉekbanko Esperantista, London.

Unu el la plej konataj kaj plej grandaj artistoj mezepokaj estas la eminenta Nürnberga majstro Albrecht Dürer. Certe hodiaŭe, kiam preskaŭ kvar centjaroj disigas nin de lia laborado, klarigoj pri liaj verkoj estas bezonaj. Ne estas manko de riĉenhavaj libroj por pli profunda studado, kiuj certe estas tradukitaj en ĉiujn vivantajn lingvojn. Sed inter ili ne estas libro kuniganta malmultekostecon kaj plej impresan artan ornamon kun tiom kompetentaj, facile kompreneblaj kaj vivplene klarigantaj vortoj, kiel la laboro de Dr. Friedr. Nüchter. Tial la verko en sia originala teksto estis salutata kun sincera laŭdo de la gazetaro, de artkonantoj kaj kompetentaj personoj kaj rekomendata, precipe kiel donaca verko, por plej granda vastigado pro sia alta valoro por praktika artedukado.

La tradukado estas farita de granda nombro da konataj esperantistoj de Germana Esperanto-Asocio sub direktado de S-ro D-ro M. Kandt kaj S-ino Prof. M. Hankel ; S-ro Grabowski tralegis la tekston.

Ĉiu esperantisto certe salutas ĝoje la eldonadon de tiu verko kaj devus opinii ĝin sia honora devo, helpi al la divastigado de la belega arteldonaĵo, kiu tion plene meritas.

Al tiu teksto, ĉerpita el la anonccirkulero de la verko, ni povas nur aldoni ke tiu libro estas la plej arte eldonita verko de la tuta esperanta literaturo. Ĝi *devas* esti en la biblioteko de ĉiu artamanta samideano.

**Fabiola**. Rakonto pri la Katakomboj, de Kardinalo Wiseman, — tradukis E. Ramo. Bela dika volumo in 8° de 427 paĝoj. Prezo Sm 1.40 (fr. 3.50).

Universala Esperantia Librejo, 10, rue de la Bourse, Genêve (Svisujo).

Tiu libro prezentas interesan studon pri la moroj de la romana societo kaj pli speciale de la kristanoj en Romo je la fino de la kvara jarcento. Kun tiu historia priskribo, la aŭtoro lerte miksis intrigon, kiu ĝin vivigas.

Ĉirkaŭ Fabiola vivas krudaj paganoj, kiuj pli kaj pli inspiras al ŝi malestimon kontraŭ la naciaj dioj ; tre klera, ŝi tralegis ĉiujn volumojn de famaj filozofoj, sed neniam trovis en ili kontentiĝon ; restas en ŝia animo peza dubo pri la gravaj problemoj de la mistera postmorto, de la nekonata celo de la vivo.

Kristanajn doktrinojn ŝi malamas kaj konsideras kiel amason da ridindaj kaj malnoblaj superstiĉoj, pri kiuj ŝi *volas* absolute nenion scii. La tuta intereso de la rakonto konsistas do en tio : kiel ŝi grade proksimiĝos al la nova religio ?

Tion kaŭzas la ekzemploj donataj ĉirkaŭ ŝi de noblaj karakteroj, kies kristanecon ŝi nescias : Agnes, ŝia kuzino, ekzekutata en sia dekkvina jaro pro fideleco al la kredo ; Sebastiano, la brava oficiro de la imperiestra gvardio, kiu ne timas konfesi al sia mastro, ke li estas adepto de la nova doktrino ; kaj precipe Sira, la orienta sklavino, kiu konigas al Fabiola la kristanajn instruojn, kaŝante nur ilian nomon. Jam tre emigita al tiu alta, neniam predikita filozofio, la fiera romana patriciino konvertiĝas, post kiam la fidela Sira ŝin savis de mortigo.

Kion diri pri la stilo ? Ni ne bezonas prezenti al la amantoj de bona Esperanta literaturo la tradukinton de « Dankon », « Kredo kaj Scio ». « Eĉ en doloro ni estu ĝoja » kaj ĉefe « En Svislando ». Tia verko estas nova pruvo pri la rezultato, kiun talenta uzanto kapablas tiri el la klasika Fundamento Esperanta. La libro meritas esti ĉie legata kaj diskonigata, ĉar ĝi fortigos nian konfidon al la valoro de nia lingvo.

**A. Marich.** — Skizoj el mia propagandista vivo. — (Biblioteko de la Verda Standardo). Budapest 1911 15 Sd,

Malgranda broŝuro, 37 paĝa, enhavanta kvin humorplenajn kaj bone verkitajn skizojn de la konata hungara samideano Marich.

**Pejzaĝoj en Austrio.** — Eldonaĵo de la Ministerio por Fervojaj aferoj en Wien I, Elisabethstrasse 9. Austio. — Prezo 20 Sd. (aŭ du respondkuponoj.

Belega reklamlibreto, lukse eldonita, kun admirindoj gravuraĵoj enhavanta bone verkitajn detalojn pri la Austria lando. La samideanoj kiuj ne jam posedas tiun eldonaĵon, mendu ĝin senprokraste. Ili tute ne bedaŭras la malgrandan elspezon.

# DIVERSAJ INFORMOJ

☞ Pro la gravaj sciigoj pri la 7a mondkongreso de Esperanto nia gazeto ne aperas kun siaj kutimaj rubrikoj ; diversaj interesplenaj artikoloj nur povas esti enpresataj post kelka tempo.

Niaj estimataj legantoj kaj niaj kunlaborantoj bonvolu nin senkulpigi pro tiu nevola prokrasto. REDAKCIO DE BELGA ESPERANTISTO.

Sinjoro F.-A. Goodliffe, Elm Tree House, Letchworth, Herts (Britujo) petas, ke oni sin turnu al li por ricevi bonan *sapon kun marko « Esperanto »*.

S-ro D-ro Stanislas Schulhoff, sendinte al Lia Moŝto Urbestro de Londono siajn du verkojn « Per espero al despero » kaj « Kion la vivo alportis », ricevis de Sir Vezey Strong gratulan leteron, el kiu ni eltiras la jenon :

« Mi kuraĝas konsili, ke via plej proksima verko devus esti » titolita « De malespero al espero ». Esperantistoj ĉiam esperas, » ĉu ne ? Tiam, vi trafos du belajn celojn : 1e elmontri per viaj » ĉarmaj vortoj la belecon kaj belsonecon de Esperanto ; 2e kuraĝ-» igi la esperantistaron. »

**Tacoma.** — Al ĉiuj Esperantistoj kiuj deziras ian ajn informon pri urbo Tacoma au ĝia ĉirkaŭaĵo, nia komerca klubo estas nun preta respondi en Esperanto. Ni esperas ke ĉiuj interesataj prenos ĉi tiun okazon por informiĝi sin pri la vasta kaj mirinda okcidento. La okcidento estas la estonta lando ; Washington estas la ŝtato de promeso, kaj senhezite ni povas rekomendi Tacoma, kiel la plej belega kaj la plej alloga urbo en nia ŝtato. Ĝi estas moderna urbo kun pli ol 100.000 loĝantoj. Gia alloga ĉirkaŭaĵo, ĝia milda klimato, (somera temperaturo 60-65°, vintra 40-45°), ĝia beleco kaj pureco igas ĝin ideala urbo por la hejmserĉanto. Ke tio estas fakto atestas la ĉeesto en nia urbo de multe da progresemaj alilanduloj. Skribu hodiaŭ al « Commercial Club Tacoma », Washington, U. S. A.

— Deziras korespondi per ilustritaj poŝtkartoj. S-ro J. Peitzker, Zirkov, 140, Slisuyrue, Praha, Bohemia, Austrujo.

## ERARO

Erare ni uzis sur la paĝo 24a (linio 16a) de la 1a numero de tiu ĉi jaro, la vorton STORKO. Bonvolu korekti kaj legi CIKONIO.

## *Gratuloj*

La 22an de Novembro edziĝis en Londono nia simpatia germana samideano *Richard Werner Marchand*, D^r zool, kun Fraŭlino *Grace Blair Watkinson* D^r zool.

La 28an de novembro okazis, en Boom, la edziĝo de S-ro **Rob. Spillemaekers**, komitatano kaj kunfondinto de la Booma Grupo Esperantista, kun F-ino M. Van Reusel.

Al la novaj paroj ni sendas niajn plej korajn gratulojn kaj bondezirojn.

# HUMORAĴOJ

Viro preterkuras antaŭ Sokrato persekutante iun kaj kriegante:

— Kaptu lin! Kaptu lin!

La instruanto de Platono restas senmove.

— Ĉu vi estas surda? Kial vi ne haltigis la mortiginton?

— Mortiginto! Kio estas mortiginto, laŭ via opinio?

— Nu, kia demando! Mortiginto estas homo, kiu mortigis!

— Buĉisto, do.

— Ĉu vi estas freneza? Homo, kiu mortigis... alian homon.

— Ha, mi komprenas! Soldato.

— Ignoranto! Homo, kiu mortigis iun dum paca tempo.

— Do, mi ja, scias. Ekzekutisto.

— Idioto! Homo, kiu mortigis iun ĉe li.

— Mi komprenas!... Kuracisto.

Ĉi tion aŭdinte, la alparolanto ne insistas plu kaj foriras malbenante Sokraton.

A. NOVEJARQUE

# GRAVA AVIZO

**— Ni insiste petas niajn korespondantojn ke ili sendu regule la korespondaĵojn antaŭ la 25an aŭ tutlaste antaŭ la fino de ĉiu monato por ke ni povu regule aperigi nian ĵurnalon la 15an de ĉiu monato.**

**— Libroj senditaj estos recenzitaj nur kiam oni sendas DU ekzemplerojn.**